ne peut être remplacé ni par le concret *utilaĵo* (chose utile) ni par l'abstrait *utileco* (qualité de ce qui est utile).

Ce sont les cas où il signifie *l'intérêt*, *l'avantage* d'une personne ou d'une collectivité.

Or dans ce cas *utilo* est impropre, et la preuve expérimentale en est que l'on peut dire d'une chose qu'elle est *utile à l'intérêt* (ou aux intérêts) de quelqu'un :

Exemple :

« utilo » povas esti anstataŭata nek per la konkreta « utilaĵo » (io utila), nek per la abstrakta « utileco » (kvalito de tio, kio estas utila).

Tio okazos kiam utilo signifas « la intereson, la profiton » de ia persono aŭ de ia aro.

Nu en tiu okazo, « utilo », maltaŭgas, kaj la eksperimenta pruvo estas ke oni povas diri, pri ia objekto, ke ĝi estas *utila* por la *intereso* aŭ la *profito* de iu :

Ekzemple :

J'ai fait quelque chose qui sera utile à vos intérêts.
Mi faris ion, kiu estos utila al viaj utiloj.

Or peut-on accepter dans une langue logique, l'expression :

*utila al la utilo ?*

Certes non ; il faudrait dire d'une façon générale : *mi faris ion, kiu estos utila al vi* », ou bien, selon le cas : « *mi faris ion, kiu estos utila al via feliĉeco* ».

Cette dernière phrase est claire ; mais pourrait-on dire, par analogie :

Nu, ĉu oni povas akcepti, en logika lingvo, la esprimon :

utila al la utilo ?

Certe ne ; estus necesa diri, ĝenerale : « mi faris ion, kiu estos utila al vi » aŭ, laŭ la okazo : « mi faris ion, kiu estos utila al via feliĉeco ».

Tiu ĉi frazo estas klara ; sed ĉu oni povus diri, pro analogio :

*mi faris ion, kiu estos utila al via utileco ?*

Cette phrase ne signifie rien ; et elle montre que, pour traduire l'idée *d'intérêt*, *d'avantage* d'une personne ou d'une collectivité, il faut un autre mot que *utilo*, à qui l'Esperanto a donné un tout autre sens ; il faut en réalité un radical spécial, nouveau.

On pourrait en dire autant de l'expression confuse « le *bien* de l'Humanité » qui ne correspond ni à *boneco* ni à *bonaĵo*.

Le « bien » de l'Humanité c'est son « intérêt », son « avantage » dans le sens pour lequel l'Esperanto actuel n'a pas encore le radical nécessaire et utile.

Tiu frazo signifas nenion ; kaj ĝi montras ke, por traduki la ideon pri intereso, pri profito de ia persono aŭ de aro, alia vorto ol utilo estas necesa, ĉar Esperanto difinis al ĝi tute alian sencon ; reale, estas necesa elekti specialan, novan radikon.

Oni povus ankoraŭ same paroli, pri la konfuza esprimo franca « *le bien de l'Humanité* » kiu rilatas nek al « la boneco de la Homaro » nek al « la bonaĵo ».

La « *bien* » de la Homaro estas sia « intereso » sia « profito » en senco por kiu la nuna Esperanto ne ankoraŭ havas la necesan kaj utilan radikon.

***

Une conséquence de la confusion entre *utileco* et *utilo*, *neceseco* et *neceso*, etc., est la confusion correspondante des particules *ne* et *sen* dans les mots composés.

Ces particules ont pourtant des sens et des rôles bien distincts ; *ne* nie simplement, tandis que *sen* exprime la privation ou l'absence de quelque chose :

Kiel konsekvenco de la konfuzo inter utileco kaj utilo, neceseco kaj neceso, k. c. oni trovas konfuzon de la partikuloj *ne* kaj *sen* en la kunmetitaj vortoj.

Tiuj partikuloj havas tamen sencojn kaj rolojn tute malsamajn : *ne* neas simple, dum *sen* esprimas la neekziston aŭ la foreston de io :

sendenta = kiu estas sen dentoj ;
senhara = kiu estas sen haroj.

Il ne viendrait à personne l'idée de traduire *sendenta* par « qui n'est pas dent », ou *senhara* per « qui n'est pas cheveu ».

Et l'on ne songera pas non plus à former des adjectifs composés tels que *nedenta*, *nehara* qui correspondraient à « qui n'est pas dent », « qui n'est pas cheveu ».

On n'a donc pas ensemble les adjectifs *sendenta*, *nedenta* ; *senhara*, *nehara* ; etc.

Au contraire on trouve, dans l'Esperanto actuel, à la fois *neutila* et *senutila*, *nenecesa* et *sennecesa*.

Or de l'adjectif *utila* on fait logiquement *neutila*, comme du substantif *haro* on a fait logiquement *senhara* ; mais de même que du substantif *haro* on

Neniu imagus traduki la vorton *sendenta* per « kiu ne estas dento » aŭ *senhara* per « kiu ne estas haro. »

Kaj same oni ne imagus formi kunmetitajn adjektivojn, kiel *nedenta*, *nehara*, kiuj respondus al « kiu ne estas dento », « kiu ne estas haro ».

Do oni ne povas ricevi, samtempe, la adjektivojn sendenta, nedenta ; senhara, nehara ; k. c. Tamen oni trovas samtempe, en la nuna Esperanto : neutila kaj senutila, nenecesa kaj sennecesa.

Nu, de la adjektivo utila, oni logike faris neutila, kiel de la substantivo haro, oni logike faris senhara ; sed, tiel same kiel de la substantivo haro oni ne

n'a pas fait, illogiquement, *nehara*, de même de l'adjectif *utila* on ne peut faire qu'illogiquement, *senutila* qui signifierait « sans utile », alors qu'on veut dire « sans utilité » = *sen utileco* = *senutileco*. (*sen* marquant privation ou absence de la qualité, *utileco*, mais ne pouvant signifier privation ou absence de l'adjectif qui, par lui-même, ne représente rien).

*Neutila* et *malutila* sont aussi parfaitement logiques et clairs que l'est *senhara*; mais *senutila* est aussi illogique que le serait *nehara* ou *malhara*.

*Nenecesa* et *malnecesa* sont aussi parfaitement logiques et clairs que l'est *sendenta*; mais *sennecesa* est aussi illogique que le seraient *nedenta* ou *maldenta*.

Les expressions impropres *senutila* et *sennecesa* (comme synonymes des expressions justes *neutila*, *nenecesa*) proviennent évidemment de ce qu'on peut dire, et qu'on dit souvent: *sen utileco*, *sen neceseco*.

Et comme nous l'avons fait plus haut, on pourrait former correctement les adjectifs « *senutileca* », « *senneceseca* », mais ces adjectifs seraient évidemment... « sans utilité, sans nécessité »; ils ne seraient que des formes plus lourdes de *neutila*, *nenecesa*.

***

Un contresens analogue est le mot *senbezona*, qui devrait signifier « exempt de besoins », et qu'on emploie constamment dans le sens impropre de « dont on n'a pas besoin = inutile ».

Il y a là une double erreur: d'une part, on emploie *bezona* au lieu de *bezonata* (= dont on a besoin), le verbe *bezoni* étant actif, fort logiquement du reste; de plus dans le mot *senbezona*, on emploie *sen* au lieu de *ne*, et c'est ainsi que l'on obtient le mot irrégulier incompréhensible *senbezona* au lieu du mot régulier et compréhensible à première vue *nebezonata* !

Autre exemple: *senvirgigi* = déshonorer, alors que, par sa composition même, il ne peut que signifier: « *igi sen virgoj* » = dépleupler de vierges.

Comparer cette impropre *senvirgigi* = déshonorer, avec l'expression juste et précise *senhomigi* = dépleupler.

Pour être exact *déshonorer* (dans le sens que veut rendre *senvirgigi*) devrait se traduire par *senvirgecigi* ou *malvirgigi*.

***

Comme on le voit, comme on l'a vu, et comme on continuera à le voir, l'application, à l'admirable germe de l'Esperanto, des lois de l'évolution des langues naturelles a déjà singulièrement gangrené la « kara lingvo ».

*Caveant consules !*

Et ici les *consules* sont les hommes de progrès qui poursuivent la réalisation de la haute idée d'une langue auxiliaire internationale, en dehors d'une solution imposée *ne varietur* par des hommes qui ont déjà varié et qui varieront encore.

Les *consules* auxquels nous faisons appel doivent garder comme d'une peste, la kara lingvo contre toute évolution non contrôlée, non dirigée, en un mot non artificielle.

B. S.

Notre prochain article reprendra les formations adjectives.

faris, *nehara*, same de la adjektivo utila, oni povas fari, nur nelogike, *senutila*, kiu signifus « sen utila » dum oni intencas diri « sen utileco » = senutileca. (*sen* montras neekziston aŭ foreston de la kvalito « utileco » sed ne povas signifi neekziston aŭ foreston de la adjektivo, kiu, per si mem, reprezentas nenion).

*Neutila* kaj *malutila* estas tiel perfekte logikaj kaj klaraj kiel *senhara* ; sed *senutila* estas tiel nelogika, kiel estus *nehara* aŭ *malhara*.

*Nenecesa* kaj *malnecesa* estas tiel perfekte logikaj kaj klaraj, kiel *sendenta* ; sed *sennecesa* estas tiel nelogika, kiel estus *nedenta* aŭ *maldenta*

La netaŭgaj esprimoj senutila kaj sennecesa (kiel sinonimaj de la ĝustaj esprimoj neutila kaj nenecesa) evidente elvenas de tio, ke oni povas diri kaj ke oni diras ofte : sen utileco, sen neceseco.

Kaj kiel ni faris supre, oni povus korekte kunmeti la adjektivojn « senutileca », « senneceseca », sed tiuj adjektivoj estus evidente. ... sen utileco, sen neceseco ; ili nur estus formoj pli pezaj ol neutila, nenecesa.

***

Analogia kontraŭsenco kuŝas en la vorto « senbezona » kiu devus signifi « kiu ne havas bezonojn », kaj kiun oni tre ofte uzas en netaŭga senco de « kiun oni ne bezonas = neutila ».

Tie ekzistas duobla eraro : unuflanke, oni uzas bezona anstataŭ bezonata (kiun oni bezonas), la verbo « bezoni » estante aktiva, cetere tute logike ; plie, en la vorto senbezona, oni uzas *sen* anstataŭ *ne*, kaj tiel oni ricevas la neregulan kaj nekompreneblan vorton, *nebezonata !*

Alia ekzemplo : senvirgigi = france *déshonorer*, tiam kiam, pro ĝia kunmetado mem, ĝi povas nur signifi : igi sen virgoj.

Komparu tiun netaŭgan senvirgigi = *déshonorer*, kun la ĝusta kaj preciza esprimo : senhomigi = *dépeupler*. Por precize traduki *déshonorer* (laŭ la senco kiun intencas traduki senvirvigi) oni devus traduki « senvirgecigi aŭ malvirgigi ».

***

Kiel oni vidas, kiel oni vidis, kaj kiel oni daŭros vidi, la aplikado de la leĝoj de la evolucio de l' naturaj lingvoj al la mirinda ĝermo de la Esperanto jam difektis profunde la « karan lingvon ».

*Caveant consules !*

Kaj tie ĉi, la *consules* estas la progresemaj homoj, kiuj celas la realigon de la ĉefa ideo de internacia helpanta lingvo, ekster solvo altrudita *ne varietur* de homoj, kiuj jam variis kaj ankoraŭ varios.

La *consules* al kiuj ni ĵetas alvokon, devas defendi la karan lingvon, kiel kontraŭ pesto, kontraŭ ia evolucio ne kontrolata, ne direktata, unuvorte ne artefarata.

B. S.

Nia proksima artikolo de nove ekzamenos la adjektivajn formaĵojn.

**Al redaktoro de « Belga Sonorilo ».**

*Tre estimata sinjor'-redaktoro !*

Mi tre ŝatas la senpartiecon, laŭ kiu vi presigis miajn rimarkojn pri la unua priparolo de mia Eĥo'a artikolo, mi ankaŭ dankas por alsendo de la dua priparolo, kiun mi legis kun intereso. Pri ĝi mi permesas al mi ion diri kaj ĝustigi.

Pĝ. 231 dekstre 20 m/m : lerte « oj-n » estus « pli ortodoksa », sed kiam oni metas citilojn, aŭ (kio estas, laŭ mi, same efika) grasajn literojn, (kiajn mi uzis en la originala teksto), tiam mi opinias ke oni tre bone forlasas la akuzativan « n », ekzemple « Belga Sonorilo » pĝ. 231 d. 100 m/m : anstataŭi la formon finan « aŭ ». Cetere en la dua Eĥo-a artikolo, pĝ. 1114, ĉe la rimarko malsupre, estas presita : « tiu formoj », tio estas preseraro, kiun mi ne estis rimarkinta, do ne Id-emaĵo. Sed sinjoro B. S. bonvolu noti ke Belg-sonorilistoj iafoje estas eĉ superortodoksaj uzante la akuzativon kie la nominativo ĝustas. Nome pĝ. 233 d. 84m/m : « Tio estus bonan ekzemplon... kaj ankaŭ taŭgan rekomendon por la kursoj. » Tia superortodokseco, certe vekos fratajn sentojn ĉe la ortodoksuloj, kiuj trovos pĝ. 193, d. 116 m/m : el tiu montro devas rezulti la akordon ; pĝ. 195, d. 75 m/m se tiuj verkojn valoras ; pĝ. 79, d. 26 m/m la klarigon kiun (anstataŭ kiu) estas proponata ; pĝ. 99 mald. 1a linio : baldaŭ aperos broŝuron ; pĝ. 101, d. 150 m/m: ke la duan ĝeneralan kunvenon okazu ; pĝ. 138 ĉe « Beyne-Heuzay » : en januaro okazis fondon de la grupo.

Pĝ. 231, d. 80 m/m, certe : « oj da ĉeval', bovin' kaj ŝaf' » estas ankoraŭ pli bona.

Pri la prepozicioj fariĝis neklareco : mi ne akceptus la Id-ajn signifojn de « de, di, da » sed la Antidajn, ĉar *ili* ŝanĝus plej malmulte. Mi certe neniel estas kontraŭ la Idajn formojn ĝenerale, mi nur estas kontraŭ tute nenecesa ŝanĝo.

Pri « blindula = blindala » (200 m/m) mi devas diri, ke tie ne estas preseraro : laŭ la nuna Esperanto, kiel mi ĝin komprenas, « blindula » povos signifi «de blindulo », kiel ankaŭ Sro B. S. uzis « presa eraro » (precize oni ja devus diri « kompostista eraro ») tio estas eraro *de*, aŭ pli ĝuste, ĉe preso (*de* kompostisto). Mi tute ne komprenas kial Ido permesas « ĝardenpordo » kaj malpermesas « ĝardena pordo ». Preskaŭ ĉiujn adjektivojn oni devus ornami per « al ». Kial Dro Couturat sur la 1a paĝo de « Progreso » skribas « nationala kaj politika domeno », mi ne komprenas, kial oni ne devas same diri : « politikala ». Sed kiam oni, laŭ Sro B. S. nur iafoje uzos tiajn sufiksojn, tiam la afero estas almenaŭ same neregula kiel ĉe la nuna Esperanto, kaj — kiel mi diris en Eĥo — la simplaj formoj venkus iom post iom la malsimplajn. « Ido » volas simpligi rilate la deklinaciaj formoj, sed ĉe la adjektivaj li malsimpligas. Tio ŝajnas same kvazaŭ mi donacus al iu dek spesmilojn kaj forprenus samtempe el sia monujo dudekkvin frankojn. Kiam la alia konsentas, oni ja povas kontenti, sed kiam li ne volas, kial batalo ?!

Samideane salutas.

P. Christaller.

---

## KELKAJ OPINIOJ.

*Cher Monsieur,*

J'ai bien reçu votre déclaration aux membres de la S. f. p. E., que j'ai lue à mon « grupeto », et j'éprouve un réel plaisir à vous dire que j'admire votre belle franchise.

Je suis nettement avec vous contre les pontifes, n'ayant en vue que la Langue Universelle, officiellement reconnue par la Délégation des Académies mondiales.

J'ai reçu également la circulaire très bien conçue de Couturat et Leau et la brochurette Ido.

Les réformes proposées par Ido sont très intéressantes ; on voit qu'elles émanent d'un philologue non empirique.

F. Spies,
Liége.

---

Kvankam mia opinia ne estas grandvalora, estu permesata al mi diri ke mi tute aprobas ne bonplezurajn, fantaziajn ŝanĝojn en Esperanto, sed tiajn ŝanĝojn, kiuj montriĝos kiel nediskuteblaj, necesajn plibonigojn por ĉiu serioza kaj senpartieca Esperantisto.

Mi opinias ke multaj estas la Esperantistoj, kiuj havas saman opinion.

Fichot,
Auxerre.

---

Je viens de lire d'un bout à l'autre le numéro 15 de la B. S. Je suis heureux de m'associer à tous ceux qui louent l'attitude de votre journal. C'est beaucoup grâce à lui que nombre d'Espérantistes sortent du fanatisme des « Fidelaj deklaracioj » pour examiner par eux-mêmes la situation et les documents qu'impartialement B. S. publie.

Ed. Mathieu,
Verviers.

---

Via ĵurnalo kuraĝe defendas la liberan diskutadon. Pro tio, kvankam ne aprobante ĉiujn reformojn proponitajn, mi aprobas ĝin.

H. Sentis,
Grenoble.

## Pri reformo de Esperanto.

(SEKVO).

*LA PRONONCO (ELPAROLADO?!).*

La alfabeto, proponita de la Delegacia Komitato kaj montrita en la antaŭa ĉapitro, solvas antaŭ ĉio la tre gravan problemon de supersignitaj literoj, donante samtempe al la vortoj pli naturan ĉar pli internacian aspekton, ekz.: chambro, jaluza, aquo, voyajo, yes. Tiamaniere la esperanta teksto fariĝas pli komprenebla por la okuloj de ĉiuj eŭropa-amerikanaj nacioj.

Ne malpli grava estas la kvestio pri prononcado de tiuj literoj. Apogante min, kiel antaŭe, sur la bonega « Konkludo de raporto » prezentita al la Komitato de l' Delegacio de S[oj] D[oj] Couturat kaj Leau, mi priparolos nune tiun ĉapitron.

Ni vidis, ke oni penis el la alfabeto forigi sonojn tro similajn kaj pro tio malfacile distingeblajn por nekutimitaj oreloj. Tiun postulon bone pripensis la Komitato kiu reguligis la prononcon jene.

Sono « ĥ » tute malaperas. Jam en la « aprobita kolekto » ni trovas « Krestomatio », « teknologio » kaj multajn similajn anstataŭigojn de etimologio necesaj « ĥ » per « k », kio pruvas, ke eĉ la ĉefoj de Esperantismo sentis la bezonon malgrandigi kiel eble la nombron da vortoj enhavantaj tiun sonon, des pli ke la uzita rimedo rekomendas sin per granda disvastiĝo en la naturaj lingvoj.

La sonoj « ĵ » kaj « ĝ » estas tiel similaj, ke por la kompreno de vorto estas tute indiferenta, kiun el ili oni uzos; krom tio ankaŭ en la diversaj vivaj lingvoj la sama radiko estas prononcata jen per ĵ jen per ĝ. Post revizio de vortaro oni vidas ke por la plimulto da radikoj oni povos uzi j (prononcenda ĵ aŭ ĝ laŭ la kutimo aŭ volo de l' parolanto) kaj kelkaj aliaj radikoj povos esti tre bone skribataj kaj prononcataj per « g ». Mi nur denove atentigas, ke okazos nenia konfuzo, ĉu oni prononcos jurnalo: « ĵurnalo » ĉu « ĝurnalo », ĉar ne ekzistos radikoj, en kiuj la signifo dependus de la diferencigado de tiuj sonoj.

La litero « x » kaj la kombino « qu » povos esti prononcataj « ks » kaj « kv » aŭ « gz » kaj « kŭ ». Tie ĉi same nenia malkompreno povos okazi, dum aliflanke tia regulo faciligos por multaj personoj la prononcon, permesante uzadi tiun, al kiu ili estas kutimitaj. *Neniaj, eĉ tre severaj reguloj faros ke iam ĉiu ajn prononcu absolute egale*; atingebla estas nur tio, ke la diferencoj estos tiom malgrandaj, ke ili ne malhelpos la reciprokan interkomprenigon.

Internacia lingvo devas do nepre kaj povas eviti sonojn malfacilajn por grandá nombro da homoj, sed la problemo estus nur duone solvita, se oni forigus nur apartajn literojn malfacile prononceblajn. Ni devas iri plue, nome forigi ankaŭ kombinojn de sonoj, kiuj kvankam kunmetitaj el literoj aparte facile prononceblaj, tamen fariĝas malfacilaj pro la kombino. La evolucio de latinidaj lingvoj montras klare, ke tiaj kombinoj en la naturaj lingvoj iom post iom malaperas. Ni do ne faru paŝon retroe kaj ne revivigu la mortintojn. Tiuj konsideroj postulas la simpligon de radikoj, enhavantaj, ekz.: nkt, kc, sc, ks, ekz.: santa (sankta), acepti (akcepti), cienco (scienco), k. a. « Santa » certe ne estas malpli belsona ol « sankta » — ĝi apartenas ja al la itala lingvo, kies belsoneco estas fama kaj ankaŭ multaj aliaj lingvoj liberigis tiun (kaj similajn) radikon de superflua konsonantkomplikaĵo. La internacia lingvo ankaŭ nenion perdus, sed gajnus per faciligo tre okulvidebla, ĉar por multaj homoj la vortoj fariĝos pli facile prononceblaj kaj por tiuj, al kiuj la radiko « sankt » ne prezentas malfacilaĵojn — ankaŭ la radiko « sant » ne fariĝos malfacila.

Ni venu al la vokaloj. Tre saĝe D[ro] Zamenhof evitis enkonduki grandan nombron da malmulte nur nuancitaj vokaloj; ni havas do nur la kvin ĉefajn: a, e, i, o, u sen nepra kaj deviga distingado de ilia longeco kaj sen iaj komplikitaj reguloj pri la fermita aŭ malfermita prononco ekz.: é, è, ê. Ni ankaŭ ne havas nazajn literojn, kvankam pro la akuzativa finiĝo « n » kelkaj inklinas al nazaligo de « a », « o » antaŭirantaj. Sed ni posedas diftongojn, ekstere rekoneblajn per la literoj « j » kaj « ŭ ». Kontraŭ la diftongojn « aŭ » kaj « eŭ » oni nenion povus diri, sed des pli malaprobinda estas la treege ofta uzado de la diftongoj « aj », « ej », « oj », « uj », pro kiuj nia lingvo ricevis eĉ la mokan nomon la « oj-aj-uj-lingvo ». Kaj efektive, ne nur ĉiu substantivo (en multenombro) finiĝas per « oj », ĉiu adjektivo, ĉiu orda numeralo, ĉiu poseda pronomo, ĉiu participo per « aj », multaj pronomoj per « -aj », « -uj »; ne nur kelkaj sufiksoj enhavas la kombinojn « vokalo + j » ekz.: ejo, ujo, sed eĉ kelkaj, tre ofte uzataj radikaj vortoj finiĝas per tiuj kombinoj: kaj, tuj, plej.

Ne de hodiaŭ oni aŭdas voĉojn, postulantajn la maloftigon de tiu sono kaj ankaŭ ne la Delegistara Komitato komencis la batalon — sed jam en la infanaj jaroj de nia lingvo multaj tre bonaj samideanoj esprimis tiun deziron kaj la Majstro ne kontraŭstaris, proponinte mem reformojn en tiu direkto.

Unuflanke tiuj sonoj certe ne estas tre belaj, precipe, se iomete pli granda nombro da vortoj enhavas ilin kiel finiĝojn ekz.:

« « Ĉiuj tiuj plej grandaj kaj fruktoriĉaj pomujoj,
« plantitaj de viaj geavoj sur jenaj herbejoj, estos
« tuj detranĉitaj. »

Sed « *de gustibus non est disputandum* ».

Aliaflanke ekzistas dua, multe pli grava kaŭzo por maloftigo de tiaj sonoj, nome la postulo de facileco kaj internacieco. Multaj popoloj ne povas korekte prononci tiujn diftongojn, ili simple diras bona-in, homo-in aŭ preskaŭ « englutas » la sonon « j ». Tio estas tre grava motivo por forigi la sonon « j » kiel signon de multenombro, ĉar la klara distingado de unu- kaj multenombro ne estas bagatelo. Feliĉe ekzistas alia rimedo, tre internacia, kiel signo de multenombro, ĝi estas: « i », ekz.: frato, frati, libro, libri; sed tio, kiel ankaŭ la forlaso de akordiĝo inter la adjektivoj kaj substantivoj, apartenas al la gramatikala parto, kie ĝi estos priparolita.

La diftongo « aŭ », per si mem ne riproĉinda en la internaciaj radikoj kiel: aŭtoro, aŭtomobilo k. s., estas ofte kaj tute neutile uzata kiel finiĝo, ekz.: hieraŭ, baldaŭ, almenaŭ k. c. Ĝi estas ne nur nenecesa sed eĉ kontraŭa al la principoj de lingvo, ĉar nenia kaŭzo postulas alian finiĝon ekz.: por « baldaŭ » ol por « poste ». Adjektivojn devenigi oni povas same bone de « balde » kiel de « poste », kaj ekzistas nenia escepto el la regulo, ke ĉiu adverbo finiĝas per « e »; fine la vortoj: « hodiaŭa » kaj similaj certe ne estas tre belsonaj.

Restas atentigi je alia fonetika maloportunaĵo de

nuna Esperanto. Ni trovas tre multajn vortojn, en kiuj post « i » sekvas alia vokalo ekz.: maniero, societo, religio, familio. La du unuajn vortojn oni laŭvole povas prononci 3- aŭ 4- silabe kaj certe tre multaj samideanoj ilin prononcas 3- silabe, ne pensante pri la kontraŭnatura regulo, postulanta prononci aparte: so-ci-e-to, kvankam en aliaj vortoj jam la ortografio atentigas ilin je tiu punkto ekz.: sinjoro.

Tute alia estas la afero kun la vortoj « religio, familio », (kaj aliaj similaj). Tie ĉi la akcentala regulo postulas severan obeadon al la regulo pri aparta prononco de vokaloj « i + o », kontraŭ la internacia kutimo. Tiu kutimo estas tiel forta, ke preskaŭ ĉiuj lernantoj de Esperanto tre longe devas batali kun ĝi, kaj kelkaj eĉ post multaj jaroj diras: famîijo, religjo aŭ familjô, religiô (laŭ nacieco).

La anstataŭigo de tabelo: « nenio,tia,ĉio,kiel » per internaciaj vortoj: « nulo,tala,omno,quale » jam iomete liberigos nin de tiaj sonoj; la resto povos malaperi per ŝanĝo de radikoj aŭ de ortografio ekz.: « naciono, familyo ».

(*Sekvos*).

Stanislav Schels.
Esp. No 3747.

---

# DELEGACIO.

Nia kunfrato « Dana Esperantisto » prezentas la sekvantan opinion pri la nova ĵurnalo « Progreso ». La artikolo estas tre valora kaj estas la opinio de ĵurnalo kiu kuraĝas rigardi la nunan situacion sentime kaj kun sincera nepartieco; tio estas vera modelo de sintenado por multaj kunfratoj niaj, kiuj ne scias, bedaŭrinde, kian sintenadon elekti. Kiam la Esperantistaro estos iom malpli febroza, ĝi certe komprenos kial la veraj defendantoj de la Ideo devas nun batali por konservi kaj savi la principojn de la internacia helpanta lingvo.

De la « Delegacio » ni ricevis la unuan numeron de ĝia oficiala organo, la monata revuo « Progreso ». Per grava artikolo la sekretarioj de la delegacia komitato klarigas ĝiajn principojn kaj ĝian programon; el tio oni vidas, ke Delegacio ne volas altrudi la Esperant-idan lingvon al la esperantistaro, sed nur proponi tiajn reformojn, kiaj ŝajnas esti necesaj por certigi kvietan evolucion de la internacia lingvo. — En la gazeto, kiu estas preskaŭ tute skribita en la Zamenhof'a Esperanto la komitato deziras malfermi amikan diskutadon pri ĉiaj demandoj, teoriaj aŭ praktikaj, rilataj al la lingvo internacia kaj esprimas la esperon, ke la esperantistoj partoprenu tiun diskutadon, kiu kompreneble okazos en Zamenhof' a Esperanto; tamen la nova Esperanto iom post iom okupos pli ampleksan lokon en la kolonoj de la gazeto por tiamaniere pruvi, ĉu ĝi estas praktike uzebla. Tiamaniere la du lingvoj povos pace konkuri kaj se la lingvo de la Delegacio montros sin oferi aŭ teoriajn preferojn, la esperantistoj ja ne povos malŝati ke la komitato praktike provis sian proponon; sed se kontraŭe la ŝanĝita Esperanto sin montros supera, ĉiu juste juĝanta esperantisto ĝoje devas akcepti tiajn plibonigojn, kiaj ebligas la prosperan solvon de la problemo.

En tiu diskutado, ne nur la Zamenhof' a sed ankaŭ la ŝanĝita Esperanto, kiuj povas esti konsiderataj kiel dialektoj de ekzistanta — ankoraŭ ne tute klare difinita internacia lingvo — estos senpartie kritikataj.

---

En tiu-ĉi numero ni ne detale volas kompari la du lingvojn, sed nur esprimi nian simpation al la lojala starpunkto, je kiu la delegacia komitato rilatas al la esperantistoj, proponante kunlaboradon, kiu laŭ nia opinio nė povas fariĝi senrezultata por la estonteco de nia granda afero. Ni ne povas vidi ke faka diskutado en unu aŭ kelkaj de la sciencaj revuoj povas esti danĝera por nia afero, kiam samtempe la ceteraj esperantistaj gazetoj konservas la jam fiksitan fundamenton ĝis kiam estos pruvita, kiaj ŝanĝoj estas dezirindaj.

Estas nia sincera espero, ke la apero de « Progreso » ne komencigu fanatikan bataladon kaj disigon, sed instigu al paca kunlaborado inter la Delegacio kaj la esperantistaro — kaj certigu baldaŭan kaj plenan venkon de la internacia lingvo,

*La red.*

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

Du Genevaj bankoj eldonis internaciajn ĉekojn de kiuj la valoro estas montrita per spesmiloj. Ni vidis ĉekojn de la firmo Ern.Pictet & Kio kaj de la Societo Bankunio Svisa (Bankverein Suisse), ambaŭ el Genevo. Sur la dorsa flanko de tiuj ĉekoj, la neiniciatitoj trovos tabelon klarigantan la spesmilan sistemon. Tre interesa maniero por propagandi la lingvon kaj samtempe la uzon de la spesmiloj.

La Edinburga Esperantista Societo, fondita en 1903, decidis unuvoĉe resti fidela al la Bulonja Deklaracio kaj la Zamenhofa Fundamento ĉar la ŝanĝoj necesaj (en Fundamento?) estas sendanĝere efektigeblaj nur per vojo de evolucio (natura?).

Feliĉo neniam alvenas sen akompano.

Du membroj dediĉis al la kuraĝa Societo kvarvoĉan kanteton; la poezia parto de la afero estas la plej mirinde facila teksto, kiun de longatempe ni vidis.... ....

Ni ricevis la sepan kajeron de la Esperantista centra oficejo enhavantan la Esperantistan Societaron. Tiu statistiko estas tiel fantazia, kiel la antaŭaj pri kiuj ni jam protestis. Malgraŭ la oficialaj sciigoj senditaj al la oficejo, la kajero enhavas pli da eraroj — rilate al nia movo en Belglando — ol veroj.

Tio okazas ĉar la oficejo ne konsentas komuniki al la interesatoj la provajn foliojn de la kajero.

Pri nia ĵurnalo, la Centra Oficejo ne scias ke ĝi aperas regule po almenaŭ dufojoj ĉiumonate kaj ke la jara abonkosto estas 6 frankoj. Se la eraro ne estas vola, oni certe konkludos ke la sciigoj de la kajero estas iom malnovaj.

Nova rusa ĵurnalo aperis: Espero, internacia revuo de la kultura unuiĝo de Popoloj. La unua numero estas dika kajero da 64 paĝoj en lingvoj Rusa kaj Esperanta. La plej kurioza elemento de tiu nova revuo kuŝas en la fakto ke ĝi estas eldonaĵo de la potenca revuo rusa « Vjestnik Znanija » (Kuriero de l' Scienco) kaj ke la financa flanko de la entrepreno estas de nun certigita. Ni deziras bonvenon al tiu nova kunfrato kiu naskiĝis sub tiel feliĉa stelo.

Ni ankaŭ ricevis la ĵurnalon : « Rumena Gazeto Esperantista » el Galatzo, kiu estas eldonita de la Unua Rumena Societo Esperantista. Ĝi similas al ordinara ĵurnalo (0.47 × 0.33) kaj certe helpos utile la propagandon de la lingvo. Bonvenon al ĝi !

Fine la Esperantista Centra oficejo sciigas baldaŭan aperon de Oficiala Gazeto Esperantista, kiu publikigos la aktojn de la oficialaj institucioj de Esperanto, aldonante al ili ĉiujn eblajn sciigojn utilajn por la propagando. La gazeto aperos ĉiumonate kaj la abono kostos kvin frankoj (2 spesm.). Redakto (?) kaj administro (??) 51, rue de Clichy, Paris. Oni povas, jam konstati ke la gazeto estos reformema !

Pri la sistemo de anstataŭigo de la supersigno de kelkaj literoj per apostrofo, ni trovis aplikon de tiu sistemo en la « Revista de Mathematica » de profesoro G. Peano, kiu uzas ĝin por la tekstoj Esperanto, kiujn li reproduktas en sia revuo. (tomo VIII, 1906).

La ĵurnalo « Vocho de Kuracistoj » reproduktas leteron de Prof. Christaller pri uzo de tiu sistemo, sed ne ĝin akceptas. S[ro] Stijnen metas la apostrofon antaŭ la litero, la aliaj sistemoj metas ĝin poste.

La « Polyglot Club » el Londono dediĉas ĉiun kvaran dimanĉon de ĉiu monato al kunveno kun parolado kaj festeto en la lingvo Esperanto.
Niaj trianoj Kolonelo Pollen kaj Bolingbroke Mudie prezidos la kunvenojn de la 26[a] de Aprilo kaj 24[a] de majo.

Le sekretario de la Belga Ligo Esperantista sendos al ĉiu, kiu tion rogos de li, la programon de la jubilea Ekspozicio de Praha (Bohemlando) Majo-Oktobro 1908. Tiu programo ilustrita, estas tre bona propagandilo kaj eĉ modelo por la estontaj ekspozicioj.

Niaj hispanaj amikoj, kiuj intencis organizi la kvinan kongreson en sia bela lando ne plu havas ŝancon sukcesi. Ni povas certigi, per Fundamento kaj Fundamenta Krestomatio, ke la afero okazos en Ameriko dum 1909. Eĉ dank'al propagando de unu el la plej sindonemaj samideanoj, la amerikanoj elektis urbon de kiu la nomo mem akceptas la digramojn *ch* kaj *qu*. Tiu reformema urbo estas Chautauqua.
Ni repetas tion : la afero estas certa kaj pruvon ni trovas en la maja numero de « *La Revuo* »:
« Ĉu klarigojn vi bezonas ? Tuj legu en nia Fun-
« damenta Krestomatio la paĝojn 201-10 ajn, kaj vi
« komprenos, kial la kvina kongreso devos okazi en
« Chautauqua.
« Edmond Privat. »
Chautauqua ! Ŝotokva ! Bluf !

Tiuj, kiuj sin interesas pri konsuloj povas ricevi plenan sciigon kaj broŝuron sin turnante al eldonejo « Esperanto » 8 rue Bovy-Lysberg en Genevo.
Aldonu 20 spesdekojn, koston de l' broŝuro.
Tiu organismo klopodas por organizi la Esperantajn konsulejojn kiuj, ĝis nun, estas iome en anarkia organizo.

Mozano.

## LA LASTAJ DUDEK.

Post la oka Esperantista kongreso la rolo de l' esperantismo estis precize determinita. La signifo de Esperanto en la komerco, en la Eklezio, en la Ruĝa Kruco kaj en la sociala regiono fariĝis klara al ĉiuj. La kapitalistoj konvinkiĝis, ke ili povas tre sukcese ekspluati la laboristojn sen la verko de Zamenhof. Kio rilatas la kolonian politikon, la soldataj pafiloj montriĝis pli internaciaj ol la ŝlosiloj de Ĉefeĉ. Tiakaŭze la kapitalistoj energie turnis la dorson al Esperanto, preferante planti la kulturon kaj la civilizacion per siaj propraj rimedoj.
La Eklezio ĝustatempe rememoris, ke antaŭ kelkaj jarcentoj, kiam la Evangelioj kaj preĝlibroj estis presataj ekskluzive en la latina lingvo, por ke la diaj veroj ne estu profanataj de vulgaraj idiomoj, la unulingveco jam estis efektivigita. Sed kio sekvis de tio ? La malkleraj popoloj estis malkontentaj je tiu unueco, fendiĝis en sektojn k. c.
La Tutmonda Asocio de la Ruĝa Kruco ankaŭ ne eraris pri la sensignifeco de tiu ĉi internaciilo. Dum la lasta milito, kiam pro penado de ministrejoj Esperanto penetris diverslandajn armeojn, la vunditoj, kies patriotisma temperaturo konsiderinde malleviĝis kaŭze la sennombraj senpiediegoj, disenterio kaj aliaj gloraj atributoj de la milito, faris en la hospitaloj mitingojn, facile efektiviĝintajn danke Esperanto, kaj la sekvo de tio estis ke la antimilitarismo subite ricevis grandan apogon. Ĉar tio ĉi minacis al la institucio de la militoj (kio estis dezirata) kaj samtempe al tiu de la Ruĝa Kruco (kio ne estis dezirata), la ruĝkrucanoj anoncis Esperanton afero trofrua, nematura. Kiu povus riproĉi ilin? Kiu subtenus aferon, subfosantan lian propran ekziston ?
Sole la socialistoj, komunistoj, kolektivistoj kaj aliaj similaj « istoj » restis obstinaj. Ili decidis ke la devizo « proletarioj de ĉiuj landoj, unuiĝu » ne povas efektiviĝi sen ĉiekomprenebla lingvo, sen la verko de Zamenhof. Tial Esperanto kreskis nur inter la anoj de tiuj societoj.
En 1920 dek milionoj da diverslandanoj adresis al siaj registaroj peton, ke ili sankciu Esperanton. La estraroj, kiuj volis resti senpartiaj, super ĉiuj frakcioj, rifuzis.
En 1930, en Francujo estis 4001 lernejoj, kie oni studis Esperanton, en Anglujo 4000, en Germanujo 3999, en Hinujo 3998. En la tuta mondo da tiaj lernejoj estis 365.783. Malgraŭ tio la registaroj restis sur sia alta punkto de senpartieco, kaj Esperanto ne estis sankciita.
Daŭre la kvindekaj jaroj de XX la tutmonda sociala stato ricevis profundajn ŝanĝojn. La kapitalismo kaj la Eklezio efektivigis sian historian mision, atingis sian kontraŭan poluson : ĉiu religiano fariĝis pastro, ĉiu laboristo-kapitalisto. Cetere, kelkaj antikvaj fantomoj kaj iktiozaŭroj ankoraŭ restis. La socialistaj societoj de Anglujo, de Francujo, de Germanujo, de Hinujo, de Arabujo kaj de aliaj landoj kreis grandegan Federacion, kies anoj atingis la nombron de 5800 milionoj. Ĉiuj anoj lernis Esperanton, kaj iliaj societoj presis siajn gazetojn kaj librojn en tiu ĉi lingvo. En 1953 ili sendis al la registaroj petoskribon pri la sankcio de Esperanto. La registaroj sentis grandan konfuzon, sed — ili restis

fidelaj al sia grava principo. En Aŭstralio ankoraŭ vivis trideko da papuasoj, kiuj abomenis Esperanton, en la Fajrtero vagis ankoraŭ ne malpli ol dudek ses nudaj individuoj, kiuj firme esperis, ke ilia lingvo fariĝos la sola internacia idiomo. Kelkaj rusaj kalmukoj, kozakoj, kamĉadaloj, ajnosoj kaj la blankaj rusaj ursoj de la Glacia maro afirmis la samon. La registaroj, kiuj ĉiam tenis la standardon de senpartieco, devis, kun do orego en la koro, rifuzi la sankcion.

En 1965 la kalmukoj, kamĉadaloj kaj la patagonianoj de la Fajrtero asociiĝis al la esperantistoj. La obstinuloj estis nur la papuasoj (en la nombro de kvar, ĉar la aliaj mortis de la variolo), sep kozakoj (la lasta resto de la « nigra bando »), du ajnosoj kaj du blankaj ursoj. Inter la inteligentaj klasoj de la mondo estis sep antiesperantistoj. Sume dudek unu. La petadreso estis denove prezentita.

Tiam la registaroj, venkitaj de konfuzego, decidis krei komision por esplori la demandon. Estas vere, ke en tiu ĉi epoko ĉiuj (eĉ la cititaj individuoj) bonege parolis Esperanton. Eĉ la novaperantaj infanoj, tuj kiam ili forlasis la ventrojn de siaj patrinoj, balbutis al la akuŝistino:

— Ho, kiel telule malvalme estas en la ekstela mondo! Cetele, vivu Espelanto!

Sed, kiel pozitivaj institucioj, la estraroj ne volis altiri sur sin riproĉojn de la konscienco: ili decidis detale ekzameni la demandon. La demando konsistis el tri punktoj: 1. ĉu internacia lingvo estas imagebla? 2. se imagebla, ĉu oni povas paroli ĝin sen frenezîĝi? 3. se ĝi ne frenezigas, ĉu dum la parolo oni ne rompas al si la langon?

En la inteligenta mondo, kiel dirite, estis ankoraŭ ses homoj, kiuj estis kontraŭ Esperanto. Tio estis, unue, la membro de la franca Ĉambro de Deputatoj, S^ro^ Rojalissimus, due, la germana pastro Sinekurissimus, trie, la rusa profesoro de la matematiko Kozakissimus, kvare, la angla medicinisto Obskurantissimus, kvine, la hispana ministro Inkvizicissimus kaj sese, la hotentota militestro Kanibalissimus. Ili estis unuanime elektitaj de la registaroj de la Malnova kaj de la Nova Mondoj por la komisio.

La komisianoj ne estis facilkoraj junuloj, kiuj estas ordinare malprudentaj kaj revoluciemaj. La plej juna inter ili havis la aĝon de 79 jaraj, kaj ĉiuj ses havis kune 487 jarojn (preskaŭ duonjarmilo) kaj 48 harojn sur la kapoj (preskaŭ duoncento). La komisianoj estis singarde enportitaj en la salonon de la konferenco kaj ligitaj al la seĝoj pro timo ke ili povas fali. La prezidanto, lia militestra moŝto S^ro^ Kanibalissimus, metinte la aŭdkornon al sia orelo, solene anoncis:

— Sinjoroj, la kunsido estas malfermita!

Post tio ĉi la diskuto tuj komenciĝis.

Ĉar la komisianoj ne sciis multajn lingvojn, ekzemple, krom sia propra lingvo, la franca deputato komprenis nur hispane, la germana pastro nur latine, la rusa matematikisto nur kalmuke kaj blankurse k. t. p., la diskuto estis kondukata en Esperanto.

— Estimataj sinjoroj, — diris la hispana ministro Inkvizicissimus. — Propradire mi nenion havas kontraŭ Esperanto, kontraŭ ĝia enkonduko en la mondon. Nur unu cirkonstanco ne donas ripozon al mia konscienco. Konsideru ĝin, sinjoroj! Esperanto estas lingvo artfarita. Kio fariĝos, se kreiĝos sekretaj societoj kun krimaj politikaj celoj? Se tiuj sekretaj societoj interkorespondas en artfarita lingvo, ĉu la registaroj havos la eblon sufoki la malfeliĉojn, kiuj fariĝos sur la bazo de tiu ĉi duobla sekreto? Ne forgesu, miaj sinjoroj, ke ni bedaŭre plu ne posedas la rimedojn de la sankta Torquemada por sondi la krimulojn. Jen, sinjoroj, kio estas la kaŭzo, kiu min malamikigis al Esperanto. Sed ĝenerale mi nenion havas kontraŭ ĝi. Mi ne estas obskuranto.

— Sen aludoj al personoj! — murmuris S^ro^ Obskurantissimus.

— Sinjoroj! — diris matematikisto Kozakissimus.

— Esperanto estas bona afero, kaj mi ankaŭ nenion havas kontraŭ la sankcio, kiel diris nia tre bonkora kolego, la ministro Inkvizicissimus. Sed la demando pri Esperanto estus pura bagatelo kompare aliaj, kiuj ankoraŭ ne estas solvitaj. Mi parolas pri la politika ekonomio, la plej grava punkto de nia epoko. Mi faris la sekvantan eksperimenton. Mi izolis 3.000 muŝojn sub vitra kloŝo, kien mi metis pesitan pecon de sukero. Post semajno la sukero estis manĝita, kaj de tio mi kalkulis, ke ĉiu muŝo konsumas daŭre monato 0,13 funton da sukero de valoro de 10 centimoj. En ĉiu hotelo, daŭre unu sezono, cirkulacias ĉirkaŭ 1,3 milionoj da muŝoj. Sekve ĉiu muŝo kostas al la hotelisto almenaŭ 30 centimojn, kaj 1,3 milionoj rabas ne malpli ol 400.000 frankojn, kiujn la hotelisto perdas. Mia esploro estis siatempe diskutata de ĉiuj gazetoj. Nu, sinjoroj, mi nenion havas kontraŭ Esperanto, sed diru, kion vi kalkulas pli grava, la sanktan institucion de privataj propraĵoj, la demandon pri la ĉirkaŭŝtelo de la universo, mallonge, la temon pri la muŝoj aŭ tiun pri sekreta lingvo de artfaritaj societoj?

— La oratoro estas prava! — diris la pastro Sinekurissimus. — Ĉiuj malbonoj venas de Francujo. Kiel oni scias, Esperanto naskiĝis en Rusujo, kaj per la helpo de Dio ĝi vegetis tie tre pace en virgaj arbaroj, en tundroj, en Siberio. Sed la maltrankvilaj francaj kapoj, tiuj ĉi lanternistoj, petrolistoj, ekspropriigistoj de la eklezîaj bienoj, levis la torĉon de la brulego, la verdan standardon kun la kvinpinta stelo. Vi scias, sinjoroj, Francujo estas la hipnozisto de la mondo. Kiam ĝi tuŝas la violonon, la universo tuj dancas. La abomena franca respubliko disvastigis Esperanton kaj....

— Mi protestas kontraŭ tiu ĉi nigra insulto! — interrompis lin la franca deputato. — Kiu diras, ke Francujo estas respubliko? Neniam! Se en nia dolĉa lando troviĝas malgranda bando de Maratoj kaj de aliaj sentaŭguloj, tio ĉi estas escepto. La francoj estas puraj rojalistoj. Ni baldaŭ enterigos la kadukan epokon de modernuloj kaj de senpatrujanoj. Sed pri Esperanto mi devas diri, ke ni cedu al la postuloj de la tempo. Antaŭ mia elektigo mi promesis defendi tiun ĉi lingvon, kion mi ĝis hodiaŭ ne faris pro manko de oportuna akcidento. Sed baldaŭ okazos la reelekto, kaj al mi ŝajnas, ke mi devas....

— Jes! — diris sarkasme la pastro Sinekurissimus. — jes! Vidu tiun ĉi sinjoron, kiu defendas Esperanton, por krei al si sinekuron!

— Sinjoro Sinekurissimus, mi postulas ke vi reprenu tiun ĉi kalumnion!

— Pacon, mi petas vin, sinjoroj! — enmiksiĝis la prezidanto Kanibalissimus. — Ne forgesu la devon

de la respekto! Ne mordu unu la alian, kio estus kanibaleco. Se ni ĉesos estimi nin reciproke, kiu alia restos en la mondo por estimi nin?

La komisianoj sentis sin konsumitaj de la disvolvita energio. Oni sin metis al la balotado. Sinjoro Kanibalissimus, kiel prezidanto, ne partoprenis ĝin kaj nur observis. La rezultato estis 4 nigraj globoj kontraŭ Esperanto. La prezidanto, serĉante la kvinan, tiel laciĝis, ke li svenfalis. Oni kriis helpon kaj vokis la mediciniston Obskurantissimus. Sed tiu ĉi sidis sur sia seĝo kun vitriĝintaj okuloj, ĉar li simple mortis de la granda aĝo. Li tenis en la rigidiĝinta pugno nigran balotglobon, kiu kaŭzis la svenon al la prezidanto. Tiel pereis la sola helpo de la antiesperantistoj. La restintaj komisianoj longe sidis sur siaj seĝoj kaj sendube asociiĝus al sia feliĉega kolego, se kelkaj esperantistoj, mirante la daŭron de la kunsido, ne enirus la salonon de la konferenco La komisianoj ankoraŭ spiris. Singardeme oni ilin transportis domen en palankenoj, donis al ili oksigenon kaj faris enŝprucon de mosko. Tiel de la 6 inteligentuloj restis 5, kaj kune kun la papuasoj, kozakoj, ajnosoj kaj la blankaj ursoj ne malpli ol 20.

Esperanto ne ricevis la sankcion.

Kiam, la sekvintan tagon, kelkaj esperantistoj venis al la estro de la Universala Federacio de socialistoj kaj timeme demandis lin pri la sankcio kaj pri la sorto de Esperanto, li malĝoje respondis:

— Ŝajnas, ke ni denove taris fiaskon.

La fakto estis ke la 20 antiesperantistoj restis sur sia pozicio.

La registaroj, kun dolerego en la koro, ne vidis la eblon doni la sankcion.

A. KOFMAN.

---

## BIBLIOGRAFIO.

*Librejo Hachette kaj K°,*
*79, Boulevard St. Germain, Paris.*

**Libro de l' Humorajo.** Reeldono de la tre gaja libro de Sro Paul de Lengyel, de kiu unua eldono aperis dum la jaro 1899. . . . . . fr. 2.50 sp. 1.00

**Provo de Marista Terminaro** verkita sub la direkto de M. Rollet de l'Isle. . . . . . fr. 1.50 sm. 0.60

**Dizionaro Italiano-Esperanto** di G. Meazzini, . . . . . Liroj 2.50 spm. 1.00

---

*Ĉe Imprenta International,*
*Mexico.*

**Album Recuerdo** de la Sociedad Central Esperantista. Prezo nemontrita.

---

*Ĉe L. F. Canel,*
*11, rue Manigne, Limoges (Franclando).*

« **L' Espero** ». Stenografia sistemo tute speciale verkita por Esperanto, de Ch. Barit. . . . . . fr. 1.50 sp. 0.60

---

*Libraro Pacifisma,*
*ĉe Presa Societo, 33 rue Lacépède, Paris.*

N° 7. **Estonta milito** laŭ la instruoj de Johano de Bloch, tradukis diversaj Esperantistoj . . . . . fr. 1.50 sp. 0.60

N° 8. **Por arbitracio** de Andrew Carnegie, tradukis W. W Padfield kaj H. Maresquelle . . . . . . . fr. 0.50 sp. 0.20

N° 13. **Formulo pri Malarmo** de Otto Umfrid, tradukis P. Christaller . . . . . . . . fr. 0.25 sm. 0.10

---

*Ĉe Internacia Propagandejo,*
*Merton Abbey, London S. W.*

**Tutmonda anekdotaro,** kajero unua . . . . . sp. 0.10

**Ŝlosilo** por Bohemoj (Kliĉ) . . . . . . . . sp. 0.04

**Neutralni jazyk mezinarodni Esperanto** por Bohemoj. . . . . . . . sp. 0.04

**Die Internationale Hilfssprache Esperanto** en germana lingvo. Prezo nemontrita.

---

*Ĉe Internacia Asocio Paco-Libereco,*
*45, rue de Saintonge, Paris (3e).*

**Les Anarchistes et la Langue internationale Esperanto** par Em. Chapelier et Gassy Marin. . . . . . . fr. 0.15 sp. 0.06

**L'Esperanto et l'avenir du monde** par C. A. Laisant. . . . . . . fr. 0.15 sp. 0.06

---

*Ĉe Presa Esperantista Societo,*
*33, rue Lacépède, Paris.*

**Du Slavaj rakontoj** (M. Gorkij & I. Vazor). . . . . . . fr. 0.60 sp. 0.24

**La Sendependa Ordeno de la Bontemplanoj,** tradukis M. Gautrot. . . . . . . . fr. 0.40 sp. 0.16

---

*Ĉe Eldonejo « Esperanto »*
*8, rue Bovy Lysberg, Genève.*

**Konsuloj kaj Esperanto-oficejoj.** fr. 0.50.... sm. 0.20

---

*Ĉe Esperantista Centra Oficejo*
*51, rue du Clichy, Paris.*

**Esperantista Societaro** (Dec. 1907). Kvara eldono . . . . . . . . fr. 1.50 sm. 0.60

**L'Esperanto et les institutions publiques** première partie, documents en langue française. . . . . . . fr. 1.25 sm. 0.50

---

*Ĉe « Librairie Espérantiste »*
*15, rue Montmartre, Paris.*

**Evolucio libera aŭ Akademio** de A. Michaux. Prezo ne montrita.

---

### MUZIKO.

*Maison Musicale Moderne,*
*88, Galerie de Commerce, Bruxelles.*

**Kuŝas Somero,** poezio de E. de Kanalosŝi-Lefler, muziko de F. de Ménil.

**Mi aŭdas vin,** poezio de Leono Zamenhof, muziko de F. de Ménil.

Ĉiu kanto . . . . . . fr. 1.00 sp. 0.40

---

*Ĉe — 16, Westbourne Gardens,*
*Hove, Sussex, England.*

**La Vagabondino,** kanto, versoj de C. Oxenford, Muziko de Celia Burleigh . . . . . . . . . . 6d sm. 0.24

---

*Ĉe Brita Esperanta Asocio*
*133, High Holborn, London, W. C.*

**Esperanto,** Kvarvoĉa Kanteto, vortoj (ne multaj) de James Blaikie, Muziko de R. H. Saxton . . . . . . 3d sm. 0.12

**Avizo.**—Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas ricevi senpagan enskribon de siaj verkoj, post sendo de la libroj.

Plezure ni ankaŭ ricevos la informojn pri forgesata anonco aŭ pri eraro.

# ATENTU!

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, ĵus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita:

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*



LUEBLA.